22ª Jaro - Nº 10 (235) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Oktobro 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

Oficiala Organo de



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Societo sen profita celo. — Belga ŝtatgazeto 27.6.36.

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

GRAVA DANĜERO

## ĈU U. E. A. MORTOS?

Eble jes, U. E. A. mortos!

Tio estas la konstato, kiun ni devas fari, post la lastaj priparoladoj, kiujn havis, dum la Kongreso de Vieno, la gvidantoj de nia movado.

Niaj membroj jam scias, ke kiam la Komitato de U. E. A. decidis, verdire ne atentinte tre zorge la statutojn —, forloĝigi la oficejon de U. E. A. al Londono, kelkaj Svisaj samideanoj protestis apud tribunalo, kaj akiris ordonon, prokrastigi tiun forloĝigon, ĝis kiam la Esperanta popolo, per la voĉo de siaj delegitoj, firme estus dirinta, ke ĝi konsentas pri tiu ŝanĝo.

La voĉdonado de la delegitoj okazis.

Kun gravega plimulto, — pli ol 80 %, —, la delegitaro de U. E. A. decidis, ke estis pli bone, ke U. E. A. vivu en Londono, ol ke ĝi mortu en Genève.

Oni povis esperi, ke tio estus la fino de la malagrablaĵoj ĉirkaŭ nia universala Asocio.

Ni ne kalkulis kun la obstino de kelkaj niaj Svisaj samideanoj, inter kiuj la antaŭa direktoro de U. E. A., S-ro Jakob, kiu ĉeestis la prikalkuladon de la voĉdonado, sed, poste, ree protestis apud tribunalo, ĉar denove kelkaj paragrafetoj de la statutoj ne estis pri-atentitaj.

Ni havis oftajn personajn kaj ĉiam bonajn rilatojn kun S-ro Jakob, sed ni pli forte rajtas atentigi lin pri la fakto ke, se vere iuj mankoj denove okazis, — li vere devas aŭ devus koni plej bone la regularon de U. E. A., — estis lia devo atentigi la estraron pri tio kaj ne atendi ĝis kiam li estis kune protokolinte pri la kalkuloj de la voĉdonoj.

Li povas eble plendi, pro la maniero, en kiu li estis, antaŭ du jaroj, devigita, ĉu fakte, ĉu morale, forlasi la direkcion de U. E. A., sed tio neniam povas esti kialo, por neniu, persekuti la societon mem, ĝis morte.

Ĉar fakte estas ĝis-morte, ke S-ro Jakob kaj liaj amikoj havas la intencon persekuti U. E. A.

La svisa juĝisto efektive nur povas apogi sin sur tekstoj. Se ne ĉiuj paragrafoj de la statutoj, eĉ la plej malgrava, estis priatentitaj, la juĝisto ja devas diri, ke ĝi estas nevalora.

Tio devigas U. E. A. havi nunmomente du oficejojn: tio malebligas U. E. A. disponi pri sia mono; tio fakte malebligas la tutan laboradon de U. E. A.

Kaj tiel la gvidantoj de nia movado, en Vieno, alvenis al diskutado de projekto, kiu kreas tutnovan U. E. A., kompreneble kun alia nomo, sed al kiu aliĝus ĉiuj naciaj societoj, kiuj, ĝis nun, estis aliĝintaj al la Universala Esperanto-Asocio, kiu tiel mortus tre malbelan morton.

Kvankam ni scias, ke la klopodoj, kiujn S-ro Bastien, nome de ĉiuj, ankoraŭ faris en Svisujo post la Kongreso, ni kuraĝas esprimi la esperon, ke, en la plej proksimaj tagoj, niaj Svisaj samideanoj ekkonscios, ke ilia agado, eĉ se ĝi apogas sin sur iu regularo, estas vere krima kontraŭ Esperanto.

En le mezepoko estis Moŝtoj diversaj, kiuj ankaŭ sin apogis sur leĝo por plenumi krimon. La krimo antaŭ la monda konscienco tamen estis kaj restis krimo. Kaj inter ĉiuj krimoj, unu el la plej malbelaj estas certe la krimo pro gala venĝemo.

Por la esperantistaro U. E. A. plenumos la samajn servojn, eĉ se ĝi nomiĝas alimaniere; se nur la samaj homoj kunmetas ĝin.

Sed kontraŭ la granda publiko, kaj ankaŭ kontraŭ nia persona fiereco, estus vere bedaŭrindege, se, okaze de nia granda jubilea jaro, ni devus anonci al la mondo la definitivan forfalon de tiu Universala Esperanto-Asocio, pri kiu ni iam estis fieraj; por kiu, ni tiel multe laboris kaj pro kiu, ni en nia movado jam tiom multajn suferojn eltenis.

Tial nia ve-krio iras al Genève, al tiu Genève, en kiu la tuta homaro jam metis tiom da espero.

Esperu ni, ke almenaŭ la Esperantistojn ĝi ne seniluziigos!

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## NOTO.

Pro la vojaĝo, kiun nia direktoro faras nunmomente al Iberio, Maroko, Madeiro kaj la Azoroj, S-ro De Schutter, prizorgis la finlaboradon de tiu ĉi numero.

*
* *

## KUNVENO DE LA KOMITATO

La Komitato de «Reĝa Belga Ligo Esperantista» kunvenis, escepte, en Gento, la 6-an de Septembro, antaŭtagmeze en la « Hotelo Universel ».

Ĉeestis : Antverpeno : S-ro Jaumotte, sekretario-kasisto ; Bruĝo : F-ino Thooris, vicprezidantino, kaj Poupeye, sekretario ; Bruselo : S-ro Kempeneers, prezidanto ; Gento : S-ro Van de Velde kaj Ninove : S-ro Cogen, vicprezidanto.

Senkulpigis sin : S-roj Boffejòn kaj Faes (Antverpeno), F-ino Jennen (Bruselo), S-ro Tassin (La Louvière), S-ino Elworthy (konstanta komitatanino) kaj S-ro De Ketelaere, ĉefdelegito.

S-ro Kempeneers, kiu malfermis la kunsidon je la 10 1/2 h. klarigis ke, kvankam la statuto de la leĝigita Societo donis al la estraro la povojn de la administrantaro ĝis la proksima ĝenerala kunveno, la estraranoj tamen decidis kunvoki la malnovan Komitaton, por priparoli kun ĝi kelkajn gravajn punktojn.

La Prezidanto tiam klarigis la situacion de la universala movado, tiel kiel niaj membroj ĝin jam konas.

La Komitato, post funda diskuto, opiniis, ke « Belga Ligo », kiu estas nun jura individueco devas esti tre singardema, rilate al la situacio de U. E. A. tia kia ĝi povas ekiĝi el la procesoj, kiujn kelkaj personoj faras al la universala asocio.

Ĝi decidas, ke « Belga Ligo » skribos rekomenditan leteron al U. E. A. informante ĝin, ke je la fino de tiu ĉi societa jaro, ĝi eksiĝas, se la danĝero je procesoj kaj de senfinaj pli-elspezoj ne estas forigita. Ĝi realiĝos al U. E. A. tuj, kiam la situacio estos ree normala aŭ aliĝos eventuale al nova Asocio fondota, se la neceseco evidentiĝas al la aliaj naciaj societoj, kiuj aliĝis al U. E. A.

La ĉefdelegiteco, kiu baldaŭ vakos pro eksiĝo de S-ro De Ketelaere, restos tia, ĝis kiam la situacio de U. E. A. klariĝos. S-ro Van den Bossche, teritoria sekretario, povos dumtempe daŭrigi la ĉiutagan laboradon.

Sugesto estas farita, krei kategorion de aprobantaj membroj, tiel ke, ĉe demando de aŭtoritatuloj, ni povu paroli, ne nur nome de la batalantaj efektivaj membroj, sed ankaŭ nome de multaj simpatiantoj, kiuj deziras la enkondukon de internacia lingvo.

Tiu ĉi afero estos pli funde diskutata, okaze de la kunmeto de la regularo pri interna aranĝo.

S-ro Jaumotte komunikas, ke, por la depono de la membro-listo de B. L., la grupaj sekretarioj devus komuniki la naciecon de ĉiuj la ne-belgaj membroj.

Je la 12-a 1/2 h. la prezidanto fermis la kunsidon.

S-ro Jaumotte, sekretario-kasisto, klarigas la situacion de Belga Ligo kiu estas bona. Ĉio antaŭvidigas, ke, finance, la kalkuloj por la jaro 1936 balanciĝos. Kompreneble tiu situacio estas nur ebla, dank'al granda ŝparemo en la elspezoj. Por pliakrigi la propagandon pliaj elspezoj estus dezirindaj. Pliaj enspezoj por la sekvanta jaro estas do same dezirindaj.

*
* *

## La Ceremonio Henri Petiau.

Dimanĉon, la 6-an de Septembro, okazis en la enterigejo de Gentbrugge, tre malgaja ceremonio, kiu tamen estis okazo por la reprezentantoj de la diversaj fakoj de nia Esperanto-movado, honorigi la memoron de nia bedaŭrata amiko Henri Petiau, la senlaca kaj ĉiam prizorgema ĝenerala sekretario de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Ĉe la tombo, atendis la Esperantistojn la du filinoj kaj la frato de la mortinto kaj kun ili multaj aliaj familianoj.

Ĉe la enirejo de la enterigejo, formiĝis sekvantaro, kun antaŭ si la flago de la Genta Grupo kaj, malrapide, ĝi iris ĝis antaŭ la tombo, kie S-ro Kempeneers, per manpremo kaj kelkaj vortoj esprimis, intime, la kunsenton de ĉiuj kunvenintoj.

Tiam parolis antaŭ la tombo, S-ro Cogen, vicprezidanto de Belga Ligo Esperantista, kiu diris la kvalitojn de la kara mortinto kaj memorigis la gravan rolon, kiun li ludis en la nia nacia societo.

S-ro Van de Velde tiam parolis, kiel Prezidanto de la Genta Grupo, kaj, kun emocio, memorigis pri la grandaj servoj, kiujn Henri Petiau faris al la loka movado.

S-ro Maur. Jaumotte tiam, nome de la Universala Esperanto-Asocio kaj la tuta internacia esperantistaro, atentigis pri la se eble ankoraŭ pli grava rolo, kiun ludis la mortinto sur la internacia kampo. Dum multaj jaroj, li estis la Prezidanto de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj ĉiam li plenumis tiun plej altan postenon, kun zorgo kaj amo.

S-ro Jaumotte, aldonis vorton nome de « Belga Esperanto-Instituto » kaj poste F-ino Thooris konkludis alportante la saluton de la plej juna el la Ligaj Grupoj, tiu de La Louvière, kies Prezidanto, S-ro Tassin, bedaŭrinde ne povis ĉeesti la ceremonion.

## XXVI-a Belga Esperanto-Kongreso

**Antverpeno, 15-16-17 Majo 1937**

### ĈU VI JAM ALIĜIS AL LA KONGRESO ?

**Ne ? Do faru tuj !**

**Ĝis nun, estis la libertempa periodo kaj vi havis pretekston por esti ne jam aliĝinta.**

**Nun la laboro en la grupoj jam rekomencis kaj ankaŭ en Antverpeno la L. K. K. ekkomencis la preparajn aranĝojn.**

**Ĝi rajtas scii, kiel eble plej baldaŭ, ĉu ĝi devas kalkuli pri multnombra ĉeesto.**

**Ĝi ja fares tion jam nun. Sed helpu ni, havigi al ĝi pri tio, plenan certecon. Estos la plej bela instigilo en ĝia laboro.**

*Informbulteno.*

La L. K. K., kiu de nun prilaboras la efektivigon de la programo, kiun ĝi jam provizore kunmetis, estas feliĉa pro la promesoj, kiujn oni al ĝi fariŝ en diversaj grupoj, veni multnombre al la Kongreso.

Ni nun insistas, por ke la belgaj grupanoj, kiel eble plej baldaŭ aliĝu.

**Listo de Kongresanoj.**

105 S-ro Lemaire Berck-Plaĝe (Fr.)

Krome, ni jam ricevis la aliĝilojn de S-ro Fr. J. Haselier (Kerkrade) ; D-ro Desmoulin (Douai) ; S-ro Hubert Karcher (Douai) ; S-ro kaj S-ino Em. Boone (Mouscron) ; S-ro J. Centnersvers (Valenciennes) ; kaj G-roj Mortelmans (Antverpeno) sed, ĉar ni ne jam ricevis la monon sur P. Ĉ. K. 1119.10, ni citos ilin en nia listo de la proksima monato.

Lastmomente Fraŭlino Thooris de Bruĝo transmetis nin la sekvantajn nomojn de aliĝintoj, (kaj la monon) :

S-ro Boedt Albert (Bruĝo ; F-ino Guiot Suzanne (Gento) ; F-ino Boedt (Bruĝo) ; S-ro Pierre Guiot (Antverpeno) kaj S-ro Yves Boedt (Bruĝo).

Kaj ni ricevis ankaŭ la pagon de S-ro Geerinck (Sta Nikolao). Ni ankaŭ citos tiujn nomojn en nia listo de la proksima monato.

Entute jam aliĝis **119**.

---

Post ĉiu parolado, bela florgarbo estis demetata antaŭ la monumento, kaj post la vorta honorigo, la flora honorigo ankoraŭ daŭris. Gviditaj de S-ino Schoofs, la vidvino de la Prezidinto de Belga Ligo Esperantista, multaj privataj Esperantistoj ankoraŭ aldonis pli intiman floroferon kaj baldaŭ la monumento estis tute cirkaŭata de florbedo.

Fine, la frato de S-ro Petiau, meze de la plej granda emocio, dankis la Esperantistaron nome de la tuta familio pro la gesto, kiun ĝi havis je l'honoro de lia frato.

Reĝa Belga Ligo Esperantista ricevis multajn leterojn de simpatio kaj, lastmomente, ankaŭ telegramojn de bedaŭro pro malebleco ĉeesti. Inter tiuj lastaj : de S-ro De Ketelaere, ĉefdelegito de U. E. A. ; Boffejon, administranto-delegito de « Belga Esperanto-Instituto », Faes, sekretario de « La Verda Stelo » kaj de la L. K. K. Antverpeno 1937, de F-ino Jennen, Prezidantino de la Brusela Grupo Esperantista, kaj de S-ino Elworthy-Posenaer.

## La apartaj Numeroj kun nacilingva Teksto

Dum diversaj monatoj, ni enŝovis en niajn numerojn de Belga Esperantisto paĝon en naciaj lingvoj.

Ni ne faris tion nur, ĉar iuj esprimis la deziron, ke ni tion klopodu, sed ĉar ni mem estas konvinkitaj, estas certaj, ke la enpreso de tiuj malgrandaj novaĵoj, kaj precipe la krom-presado de apartaj folietoj, kiujn oni povas sendi al konatuloj, estas fakte bonega propagando.

Dum la libertempaj monatoj, ni tamen ĉesis. Ni ne nur ĉesis, ĉar ni pensis, ke eble la aparte presataj folietoj ne vendiĝas, sed, precipe, ĉar de la lasta monato restis al ni stoketo de kelkaj centoj, kiujn nek la grupoj, nek la membroj petis de ni.

La propagandrimedo, pri kiu ni parolas, estas bonega, sed kompreneble Belga Ligo Esperantista ne estas kapabla kuri ĉiu-monate novan monan riskon. La krom-presado estas ebla nur, se minimumo, — ni diru de 1.000 ekzempleroj —, estas certigata.

Ni do memorigas, ke de la lasta numero restas al ni ankoraŭ proks. 500 kaj ke ili estas haveblaj.

Aliflanke, ni demandas ke la grupoj kaj la individuoj, kiuj volas certigi al ni la ĉiumonatan deprenon de iu kvanto, — eĉ nur 50 —, tion sciigu al ni. Tiel ni povas prizorgi regulan administradon.

Ĉiuokaze, ni enpresos paĝon nacilingvan en la proksima numero.

La eldono de la apartaj numeroj, do dependos nur de niaj membroj.

Ke ili tuj sin anoncu kiel firmaj prenantoj de kelkaj dekoj aŭ centoj !

---

## Speciala Propagando

De diversaj pasintjaraj numeroj de nia revuo « Belga Esperantista » restas kelkaj ekzempleroj en stoko.

Ni metigis ilin sub banderoloj kaj estas pretaj, ilin forsendi ĝis kvar aŭ kvin diversaj numeroj, al unu sama persono.

Ke la grupestraroj aŭ membroj transsendu al ni la nomojn kaj adresojn de personoj, kiujn ni povus interesigi, sendante al ili kelkajn tiajn numerojn.

Prefere tiuj personoj estu, ĉu malnovaj membroj, kiujn ni klopodas rekapti, aŭ interesitoj, kiuj iam lernis Esperanton, sed neniam estis membroj de nia Ligo.

Ni atendas do kaj forsendos la numerojn, po unu ĉiusemajne, dum iom pli ol unu monato.

La grupoj aŭ la membroj poste, per speciala letero aŭ per interparolado, klopodu akiri la aliĝon de tiu, kies atento estis tiel vekigita.

# DUOBLA JUBILEO

*Okaze de la duobla jubileo de niaj bonaj samideanoj Julio Baghy kaj Kalocsay, la fest-komitato demandis al iu konata Esperantisto en ĉiu lando verki artikolon pri ambaŭ aŭtoroj aŭ pri unu el iliaj verkoj, aŭ pri ilia tuta verkaro, sed tiel, ke kiel eble plej, tiuj artikoloj estu diferencaj unu de la alia.*

*Por Belgujo verkis la artikolojn la direktoro de nia revuo!*

## « LA INFERO », infera laboro

Kiam en la poezia klaso, la profesoro atentigis nin pri la dezirindeco, ke ni faru, ĉiu laŭvice, paroladon pri iu beletristika aŭ arta temo, la subskribinto, tiam deksepjara junulo, elektis « La Infero » 'n de Dante.

Dudek jarojn poste, kiam ni klopodas revoki en nian spiriton, tiun studentan tempon, dum kiu ni penis sur la traduko de la Eneido kaj la Odiseo, ni demandas al ni, kio povis allogi nin, kiam ni tamen, krom la malnovaj, studis kvar modernajn literaturojn, elekti verkon skribitan en lingvo, kiun ni ne studis, verkon plie, kiun, laŭ nia ideo, tamen devis esti malfacile ĝuebla de junulo, pro la pensakrigo kiun ĝi bezonigas, pro la filozofia, historia kaj ĝenerala erudicio, kiun ĝi supozas ĉe la leganto.

Solvon al tiu demando ni ne povis trovi. La fakto mem tamen evidentiĝis por ni, ke la legado kaj trastudado de la verko tiam, ne konvinkis nin pri la ĝusteco de la « Lasciate ogni speranza ».

Kaj estis granda ĝojo por ni, kiam, antaŭ tri jaroj, ni sciiĝis, ke K. Kalocsay ankaŭ, ĉe la pristudo de la verko, ne estis fortimigita per la « Ĉiun esperon lasu ĉe l'enpaŝo ».

Kaj tamen, malmultaj verkoj, al kiu ajn literaturo ili apartenas, donos al tradukema aŭtoro, tiom da okazoj por malesperi, kiel « La Infero » de Dante.

Kalocsay mem, en la antaŭparolo, konfesas, ke la inkuba sento pri la neebleco bone traduki la verkon, ofte kaj ĉiam denove, kaj ĝis la lasta kanto, vekiĝis en li kaj ke vere, eĉ antaŭ la lasta kanto, li dubis, ke li povos ĝin fini.

Tiuj plej bone komprenos lin, kiuj anstataŭ originale verki, sin dediĉis al ĉiuspecaj tradukaj laboroj.

Originale verki povas ŝajni laboro pli altstaranta, povas esti, laŭ iaj vidpunktoj, tasko pli malfacila, ĉar ĝi supozas ĉe la aŭtoro iun imagon, iun kre-kapablecon, kiun multaj ne kredas necesa ĉe tradukanto.

Ni povas, kiel Esperantaj propagandistoj, pli ĝoji pro la naskiĝo de originala literaturaĵo; tamen ni rajtas kontraŭstari tiun opinion, ke traduka laboro estas malpli valora.

La tradukinto de romano, de poeziaĵo, se li ne bezonas tiun imagon, kiu donas la intrigon aŭ la ideon, bezonas eble pli subtilan imagon por elvoki per alia, simila, samsenca stilfiguro aŭ alegorio, la bildon prezentatan de la aŭtoro.

Kiam, kiel en la « Infero » de Dante, la « sorĉisla implikiteco de la rimoj prezentas kvazaŭ sen-finan trikaĵon kaj, kiam ŝiri ĝin unuloke, signifas malvolvi la tuton », kiel tre bone diras Kalocsay, tiam la apero de tia traduko estas vera beno por nia movado kaj alta ĝuo por tiuj, eble ne tiel multnombraj, sed tial ne malpli interesaj Esperantistoj, kiuj kapablas, kiel demandas Dante mem, sidiĝi sur benko, kaj, post vera penado, valorigi unufoje pli la verajon, ke la dura ŝelo kaŝas dolĉan kernon.

Al la eminenta verkisto, ni volas doni la certigon, ke de ĉiuj liaj libroj, kiujn ni legis, estis en lia traduko de Dante, ke ni plej profunde ĝuis la belaĵojn kaj la belecon de nia ĉionebliganta lingvo.

Kaj por fini, ni volas aldoni konfeson, ke, se ofte ni koleriĝis kontraŭ lingvaj aŭ vortaj novaĵoj, nenie la neologismoj, tamen oftaj, tiel malmulte ĝenis nin, kiel en « La Infero »... ĉar oni sentas ke, sen ili, la fidela traduko ne estus ebla, kaj ke tie ĉi do la celo, escepte, pravigas la rimedojn.

Maur. JAUMOTTE.

## Baghy, la Diableto.

Vi konas ĉiuj tiun simpatian ludilon, kiu konsistas el skatoleto kubforma, fermata per hoketo, kaj el kiu, je la granda amuzo de la infanoj, elsaltas, kiam oni forŝovas la fermilon, beleta diablo, kiun oni, puŝante sur lia kapo, reenŝlosas en la skatoleto, ĝis kiam, iom poste, oni denove havas okazon por fari surprizon al iu alia.

Pri tiu ludilo el niaj infanjaroj, ni pensis, kiam, atendinte lin sur la perono en la stacidomo de Antverpeno, ni ekvidis, subite saltante el vagonaro elektra, nian bonan samideanon Baghy.

Kun la vivplena masko, en kiu la pinta nazo kaj la fajraj okuloj tuj ekvidiĝas kaj kiu ŝajnis, kiel enŝraŭbita en griza peltkolumo, li efektive aspektis kiel simpatia diableto, elsaltinte skatoleton.

En kelkaj paŝoj, li staris apud ni. En la sama momento, la valizoj kuŝis tere.

— Bonan tagon, Karaj Samideanoj, estis liaj unuaj vortoj.

Kaj dum li alridetis nin, lia rigardo jam esploris la stacidomon, tuj trovis la gazetvendejeton kaj jam ni aŭdis :

— Mi rapide iras por aĉeti hungaran gazeton. Mi jam de kvar semajnoj ne plu legis novaĵojn de mia patrujo.

Kaj kiam, duonminuton poste, Baghy revenis al ni, kuŝis malantaŭ la ridetanta masko, tamen klare videble, iom da melankolio : Hungarlando ne venis al li. La gazetvendisto ne havis hungaran ĵurnalan !

Sed jam ree la konversacio ekfajris kaj oni babilis kaj babilis ; aŭ pli ĝuste, li babilis, babiladis. La homo de Hungarujo jam malaperis; la homo de la mondo, de la universo, ree staris antaŭ ni.

Dum du tagoj, ni havis la plezuron resti kun Baghy. La vesperon mem de lia alveno, ni, kiel Prezidanto de la Antverpena grupo, havis la agrablan taskon, lin prezenti kaj danki pro la plej interesa vespero kiun multaj el niaj membroj jam havis en sia Esperanto-kariero.

La postan tagon, ni pli libere povis paroli dum horoj kun li, pri ĉiuspecaj temoj pri-Esperantaj kaj ĝeneralaj.

Kaj ĉiam, kun nekredebla rapideco kaj movigebleco, la unu homo prenis la lokon de la alia.

Dum kvin minutoj, ni sentis en la paroloj de Baghy la plej vibrantan internacieecon de pensoj, kaj, kvin minutojn poste, ni vidis antaŭ ni la plej fervoran patrujamanton, kiun ni Belgoj povas imagi al ni.

La klarigojn, kiujn li mem donis al tiu ĉi apudekzistado de tiel malsimilaj sentoj, ni bone komprenas.

Sed, ne nur estas la tereno de tio, kion ni povus nomi la politikon, ke Baghy montris sin al ni, kiel escepte moviĝema.

Ankaŭ en lia ordinara rakontmaniero, la anekdoto ridiga, gajega, estas tuj sekvata de elvoko de la plej terura, peniga okazintaĵo, kiun, nur homo kiu multe suferis, povas tiel starigi antaŭ niaj okuloj.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Sciante ke multaj aliaj, pli kompetentaj ol ni, parolos en tiu ĉi serio de artikoloj, pri la verkoj de nia bona poeto kaj aŭtoro, ni intencis ne paroli pri ili, kaj nur memorigi pri du agrablaj tagoj, kiujn ni pasigis kun li.

Sed tiuj, kiuj konas liajn verkojn, konsentos, ke en aŭtoro, kiel Baghy, ĉe kiu ĉiu linio estas respegulo de io okazinta, ofte nur malmulte ŝanĝita, la elvoko de tiuj du tagoj preskaŭ estas elvoko de lia tuta verkaro.

Tiel, kiel Baghy aperis al ni dum tiuj du tagoj, tiel Baghy ankaŭ aperas, en siaj libroj.

Li estas la homo de la kontrastoj, la homo de la ĉiam daŭrantaj suprizoj, la diableto, kiu elsaltas la skatoleton. Maur. JAUMOTTE.

# Esperanto facila

### Esperanto, lingvo de la paco.

INSTRUANTO (*komence*). S-ro Stult, estas via vico legi la frazojn, formitaj per la vortoj el la « Fundamento », unuaj paragrafoj.

STULT (*unuspire*). La matura homo, kiu estas tajloro, donas **pomo**, kiu estas frukto, al leono, kiu estas besto kaj rajdas sur kolombo, kiu estas birdo, kun rozo, kiu estas floro, en la mano, al la suno, kiu brilas sur la ĉielo kaj la nazo de la patro estas pura.

INSTR. (*konsternite*). Mi ne kredis la Fundamenton tiel riĉa ! Sed vi forgesis la akuzativan n ĉe **pomo**. Kial n ?

KLER (*pedante*). Ĉar estas la rekta komplemento kunigita sen prepozicio al sia determinato.

INSTR. (*senpacience*). S-ro Stult, kiam mi diras: Johano batas Ludovikon, kio estas la subjekto, kio la rekta komplemento ?

STULT ? ?

INSTR. (*senpacience*). Kiu batas ? Kiu ricevas la batojn ? Tiu kiu estas batata ricevas specialan stampon, nome **n**.

STULT (*kokokrie*). Erare, S-ro, Erare ! Kiam mi venas hejme tro malfrue, mia edzino ĉiam diras france al mi : Vi malbona **subjekto** kaj **mi** ricevas la stampon. Mi, do la subjekto, estas la akuzato aŭ akuzativo aŭ, kiel vi nomis tion? (*ridado*).

INSTR. (*rezigne*). Ni daŭrigos sekvan fojon. Proverbo de la semajno :

STULT (*brakleve*). Mi, mi ! Sinjoro ! « Por sperto kaj lerno ne sufiĉas eterno ».

TYN.

### NOVA FILMO DE S-RO RAVESTEIN

La 16-an de Septembro, en la Haga Amatoro-Filmklubo, S-ro Ravestein montris sian novan filmon « Tra Aŭstrio ».

Tiu ĉi nova 16 mm.-filmo, kun esperantaj tekstoj, vidigas la vojaĝon tra Innsbruck, Zell am See al Vieno, enhavas plie multajn kongresajn bildojn kaj finiĝas per la postkongresa ekskurso al Graz, Klagenfurt, Gross Glockner kaj la revojaĝo tra Tirolo.

S-ro Ravestein akiris, per tiu nova filmo, grandan sukceson kaj Belga Ligo Esperantista jam de nun pripensas la organizon de nova vojaĝo de nia nederlanda samideano al nia lando.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 3-an : Parolata Gazeto.

Sabaton, la 11-an : Parolado de S-ro Van Dyck, «Ekzorcismo».

Sabaton. la 17-an, Vizito al la Esperanto Magazeno, Willemsstrato, je la 20-a,30 h.

Sabaton, la 24-an : Gramofonkoncerto en la sekretariejo, Schoenmarkt, 16/1 je la 20-a h. 1/2.

Sabaton, la 31-an : Parolado de S-ro Jaumotte, je la 21-a h.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Kafejo «Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

**Nova kurso** por komencantoj : Malfermo en la Sidejo : Vendredon, 2-an de Oktobro, je la 20-a Enskribiĝoj je la 19-a 30 h. Sekvontaj lecionoj ĉiu-vendrede.

Kunvenoj dum Oktobro, ĉiuj en la Kunvenejo :

La 6-an : Legado kaj klarigado de B. E. (S-ro Ch. Poupeye).

La 13-an : Kantvespero (Gvidado : F-ino A. Boereboom ; Fortepiano : S-ino Poupeye ; Violono : S-ro Hasenbroeckx.

La 20-an : Lingvaj konkursoj kun premioj. (Gvidado S-ro G. Groothaert kaj F-ino Vanden Berghe).

La 27-an : Surpriza vespero. Prezidos « ? ». (Ĉiu alportu surprizan donaceton).

La 1-an de Novembro (dimanĉon) je la 10-a 1/2 en la S-ta Georgostrato : Partopreno en la funebra sekvantaro ĝis la Milita Tombejo.

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, — kaj ankaŭ ĉiuvendrede, dum la daŭro de la kurso — de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, 5-an de Oktobro : La Ĝenerala Kunveno de Brusela Grupo okazos en « La Sako » je la 20-a h. Balotelektoj por la jaro 1937.

Lundon, 12-an de Oktobro : Fraŭlino Obozinski malfermos kurson, je la 20-a h. Venu multnombraj, por ke la novuloj havu bonan impreson pri niaj kunvenoj.

Jaŭdon, 29-an de Oktobro, je la 20-a horo, okazos festo kun provleciono laŭ Sceh-metodo en la salono por Ĉambromuziko en « Palais des Beaux Arts » de Bruselo.

Post koncerto, Sinjoro Buenting faros provlecionon kaj la publiko vizitos ekspozicion de Esperantolibroj. Tio estos la komenco de kursoj kiuj okazos ĉiujn vesperojn en diversaj kvartaloj de la urbo.

La samideanoj el la tuta lando estas kore petataj ĉeesti tiun gravan okazontaĵon.

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

Merkredon, la 7-an de Oktobro, je la 19-a horo, rekomenciĝos la komencaj kaj perfektigaj lecionoj en la lernejo : 45, St. Pieters Nieuwstraat.

Ĉiuj grupanoj estas petataj fari personan propagandon, ĉe amikoj kaj konatuloj.

Ĵaŭdon, la 8-an, je la 19-a h. 1/2, ĉe S-ino De Rijke, 233, Kortrijkschestraat : Teatraĵo kaj bonhumoraj diskutadoj.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.**

Ĵaŭdon, 1-an de Oktobro, je 19 h. 30, perfektiga kunveno en Kafejo Dechesne, Sclessin ;

Vendredon 2-an de Oktobro, je 20-a h., malfermo de la kurso de S-ro Dechesne en Cercle Polyglotte de Lieĝo ;

Mardon 6-an, je 19 h. 30, malfermo de la kursoj de S-ro Leroy en Lernejo Hocheporte (Lieĝo) kaj de S-ro Soyeur en Lernejo Morchamps (Seraing) ;

Ĵaŭdon 8-an, je 20-a h., perfektiga kunveno en Hotelo « du Phare », Lieĝo ;

Vendredon 9-an je 19-a h., malfermo de la kurso de S-ro Goyen en Lernejo de Kastelo, Sclessin ;

Lundon 12-an je 19-a h., malfermo de la kurso de F-ino Baiwir en ĉi ties domo en Chênée ;

Merkredon 14-an je 19 h. 30 malfermo de la kurso de S-ro Ponthir en lernejo de Centro, Jemeppe ;

Jaŭdon 15-an de Oktobro je 19 h. 30, perfektiga kunveno en Kafejo Dechesne, Sclessin.

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Post diversaj intimaj kunsidoj, sen difinita programo, la grupo rekomencis la laboron, per Mitul-vespermanĝo, kiu okazis la 12-an de Septembro en restoracio « Roode Hoed », Koornmarkt.

Kiel kutime la plej agrabla atmosfero regis dum la manĝo kaj dum la tuta vespero, inter la 25 partoprenintoj.

Sabaton, 19-an de Septembro, multaj samideanoj kunvenis kaj havis la plezuron renkonti la bone konatan esperantiston, S-ron Yung.

Fine, la 26-an de Septembro, okazis intima kunsido kaj prelego de F-ino Hofkens pri «Humoraĵoj». La membroj de la teatra sekcio prezentis la tre amuzan teatraĵeton « Rozalio », tradukita de S-ino Vander Veken. La aktoroj : G-roj Ameryckx kaj Van der Veken estis kore aplaŭditaj.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La 18-an de Aŭgusto la grupo havis la plezuron akcepti Ges-rojn H. Vermuyten, el Antverpeno. Dank'al S-ro Vermuyten, tiu Literatura Vespero akiris grandan sukceson. La ĉeestantoj plezure aŭdis lin deklamantan poeziaĵon speciale de li verkitan por la okazo, kaj plurajn el liaj talentplenaj flandraj tradukaĵoj de esperantaj poeziaĵoj. Ĉiuj grupanoj admire aplaŭdis S-ron Vermuyten, tiel arta deklamisto, kiel bona verkisto, kaj S-ro Poupeye, dejoranta prezidanto lin varme dankis kaj esprimis la esperon ree aŭdi lin estonte. Samvespere kelkaj samideanoj antaŭlegis interesplenajn literaturaĵojn, nome Ges-roj Groothaert, S-ino Poupeye kaj S-ro Van Roye, dum S-ro De Vooght sukcese prezentis memverkitan poeziaĵon « En revo ».

La 25-an, S-ro Van Roye parolis pri « Floroj en la vivo ». Li ĉarmis sian aŭdantaron kaj sukcesis pritrakti per ĝustaj esprimoj tiun delikatan temon. Post tio, li lotumis belegajn daliojn kaj lekantegojn de li kulturitajn. Samvespere, la grupo plezure ricevis la viziton de Ges-roj de Vrieze-Sanders, — la nova esperantista paro —, kiuj venis por adiaŭi antaŭ sia foriro al Nederlando. Al S-ino de Vrieze, la grupo donacis busteton de D-ro Zamenhof kaj florgarbon. Ŝi emociplene dankis kaj certigis, ke ŝi ne forgesos la grupon, ankaŭ S-ro de Vrieze esprimis siajn dankajn sentojn al la Majstro, D-ro Zamenhof kaj al Esperanto, la unuaj kaŭzoj de ilia feliĉo. Dum la kunveno, eniris ankoraŭ karavaneto de britaj samideanoj, alkondukataj de S-ro Goodes kaj akompanataj de du svedaj fraŭlinoj. Ili agrabligis la finiĝon de tiu vespero, per belega pianoforta ludado kaj kantado.

## D-ro Pierre Corret.

La franca Esperantistaro kaj kun ĝi la internacia funebras pro la perdo de D-ro Pierre Corret, unu el niaj plej malnovaj pioniroj, kiuj, en la tempo de la skismo, kontraŭbatalis vigle de Beaufront.

Li estis, de 1908 ĝis 1921, ĝenerala sekretario de la franca Societo kaj iĝis Akademiano en 1920.

La tradukon de « Knock », kiun oni ludis dum la Universala Kongreso en Parizo, li kunmetis dum li kuŝis en malsanulejo pro malsano kiu daŭris du plenajn jarojn.

D-ro Corret estis apenaŭ 55-jara.

La belga Esperantistaro prezentas al la francaj amikoj siajn plej sincerajn kondolencojn.

---

La 1-an de Septembro, S-ro Poupeye gvidis la legadon kaj klarigadon de Belga Esperantisto. Poste la londona samgrupano S-ro Moy Thomas, kiu faris sian kutiman viziton, gvidis kantadon kaj mem aŭdigis kelkajn numerojn el sia neelĉerpebla repertuaro. La grupo havis la plezuron vidi inter la ĉeestantoj la simpatian bulgaran samideanon, S-ron N. Babaskeroff, kiu dum pluraj jaroj estis samgrupano.

La 8-an de Septembro, S-ro R. Groverman, interesplene raportis pri siaj vojaĝimpresoj dum la Viena internacia kongreso. Pli ol kvardek ĉeestantoj atente lin aŭskultis kaj dankis lin pro lia ĝuoplena rakontado per entuziasma aplaŭdado.

BRUSELO. — « **Esperantista Brusela Grupo** ». — Esperantista Reprezentantaro Brusela elmetigis 1000 grandajn afiŝojn por la komuna ĝenerala propagando en Bruselo. La fakto, ke kvin grupoj el diversaj partioj havas ĉiu sian apartan kvadraton sur tiuj afiŝoj, ege impresas la publikon.

Brusela Grupo ankaŭ elmetigis 1000 grandajn afiŝojn dukolorajn (kiel tiuj de E. R. B.) Por anonci la kursojn, du afiŝoj, gluitaj sur aŭtomobilo, promenas en la urbo.

LA LOUVIÈRE. — « **Verda Stelo** ». — La 21-an de Aŭgusto, S-ro Dauchot prelegis pri la vegetala vivo. Li klarigis la diversajn fazojn de la kreskado de la plantoj, ek de la origino de la greno. Li parolis pri la partoj de la floroj, la fruktoj, la naskiĝo de la plantido ; montris kiel la kreskaĵoj sin nutras, kiel ili spiras k. c.

Tiu ĉi parolado havis grandan sukceson apud la aŭdantaro.

Post tiu ĉi prelego, estis ankoraŭ diskutataj kelkaj pripropagandaj aferoj kaj en tiu diskutado sin precipe miksis S-roj Daems kaj Bonge.

Fine oni eklernis « La Espero » 'n, kun akompanado de S-ro Jacques, filo.

La 4-an de Septembro, S-ro J. Bonge, vicprezidanto, prelegis tre interese pri la bruligo de la mortintoj. Lerte, li klarigis la historion de tiu kutimo, ek de la pratempoj kaj ankaŭ la teknikon. Malgraŭ la funebra ŝajno de tiu ĉi subjekto, S-ro Bonge sukcesis, dank' al elektitaj vortoj, interesi la aŭdantaron, kaj eĉ ĝin amuzi. Varmaj aplaŭdoj rekompencis la sindoneman vic-prezidanton.

Oni decidis okazigi, la 18-an de Septembro, ĝeneralan, kunvenon kun tre grava tagordo, pri kiu oni informos la membraron per aparta cirkulero. Dum tiu vespero, S-ro Parfondry prelegos pri « Ĉu Esperanto estas amuziga ».

Oni skribu al Radio Wallonia !

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** ». — Krom la ordinaraj kunsidoj, la grupo organizis, la 17-an de Septembro, paroladon de S-ro advokato Groverman, kiu paroladis pri la Internacia Kongreso de Vieno. Tiu ĉi ĝuis belan sukceson. Poste la membroj ankoraŭ sin amuzis per esperantaj ludoj.

## Familia Kroniko.

### GRATULOJ.

— Al F-ino Yolande HUBRECHT, komitatanino de la Bruĝa Grupo, kasistino de la XXIV-a Belga Esp. Kongreso ; kiu edziniĝis al S-ro Hugo Vrielynck, gazetisto el Bruĝo, 29/8/36.

— Bee al F-ino Juliette BOEDT, membrino de la Bruĝa Grupo, pro ŝiaj novaj naĝsportaj venkoj en Lieĝo 18/8 kaj en Knocke, 1/9/36.

— Al S-ino Elworthy-Posenaer, kiu gajnis premion en la XVII-aj Floraj Ludoj-Pentekosto, Manresa, per sia verko « Patrinjo », kiun ŝi verkis la 19-an de Oktobro 1906, t. e. antaŭ 30 Jaroj, kiam ŝi eklernis Esperanton.

---

## Radio-Kurso de Esperanto por Belgoj

Ĉiu scias ke jam de kelkaj jaroj, depost kiam la radio en nia lando iĝis ŝtata — t. e. politika — afero, tiu disvastigilo estas malpermesita por la klerigo de nia popolo.

Neniaj kursoj povas esti disaŭdigataj, kaj ĉiuj multegaj klopodoj de Belga Esperanto-Ligo por ŝanĝigi tiun situacion restis vanaj.

Tial B. L. E. pritraktis la aferon kun niaj nord-francaj kaj nederlandaj samideanoj, kaj tie atingis pli bonan rezultaton.

La radio-stacio P. T. T.-nord, Lille — 247 m. — konsentis akcepti belgajn lernantojn al siaj radio-kursoj.

Nova kurso komenciĝos la 4-an de Oktobro, kaj okazos ĉiudimanĉe je la 9 h. 15 — 9 h. 45.

Oni aliĝu pagante la kotizon de Bfr. 60.— al la *poŝtĉekkonto nº 1689.58 de Belga Esperanto-Instituto*, Willemsstrato 21, Antverpeno.

Tiu kotizo enhavas la prezon de la kurso, de la lernolibro, de abono al *Belga Esperantisto*, kaj la kotizojn al Belga kaj al Internacia Esperanto-Ligoj.

La taskojn oni sendu ankaŭ al Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno.

Ni esperu ke saman rezultaton ni atingu baldaŭ en Nederlando, por prilabori la flandran parton de nia lando.

Estos bone se multaj samideanoj sendos dankesprimon al Radio-Stacio P. T. T.-nord, Lille.

---



*Por pagoj al U. E. A. : P. Ĉ. K. 4108.89 de la ĉefdelegito S-ro De Ketelaere (Speciala Numero), Antverpeno.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

## Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ :

EN BRUĜO



**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).
Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.
Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).
Ĝenerala Sekretario *ad interim* kaj Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.58).
Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno. (Tel. 962.46).

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.